27 AUGUSTO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) TRIA JARO. — № 14

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.—**

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1.80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. B. Kovaćef, Sofio



## PAROLO DE D<sup>RO</sup> L. L. ZAMENHOF

ĈE LA MALFERMO DE LA

### Tria Universala

## Kongreso Esperantista

Karaj samideanoj !

Konforme al la ĝisnuna moro, mi komencas mian parolon per tio, ke mi permesas al mi en la nomo de ĉiuj kongresanoj esprimi nian saluton kaj dankon al la lando, kiu gastame nin akceptis, kaj precipe al niaj britaj samideanoj kiuj per multaj laboroj kaj granda zorgemeco pretigis por ni tiun feston, en kiu ni nun ĉiuj partoprenas. De la momento, kiam niaj britaj amikoj invitis nin al si, ni ĉiuj estis konvinkitaj, ke nia kongreso en ilia lando havos apartan signifon kaj estos epokofaranta. Kaj ne estas malfacile antaŭvidi, ke nia espero nin ne trompos, ĉar tion ĉi garantias al ni ne sole la konata energio kaj sindoneco de niaj britaj amikoj, sed ankaŭ la karaktero mem de ilia lando.

La fakto, ke ni kongresas nun en glora universitata urbo de Granda Britujo, havas grandan signifon. La kontraŭuloj de nia ideo konstante ripetadis al ni, ke la angle parolantaj popoloj neniam al ni aliĝos, ĉar ne sole ili malpli ol ĉiuj aliaj popoloj sentas la bezonon de lingvo internacia, sed por ili la fortikiĝado de lingvo internacia estas rekte malutila, ĉar tia lingvo konkurados en la mondo antaŭ ĉio kun la lingvo angla, kiu celas fariĝi internacia. Kaj tamen rigardu, kiel forte eraris niaj kontraŭuloj ! Rigardu, kiel multope jam aliĝis al ni la Britoj, kiuj tiel nevolonte lernas aliajn lingvojn krom sia nacia ; rigardu, kun kia amo ili preparis nian kongreson kaj en kia granda nombro ili aperis, por deziri al ni bonvenon ! Tio ĉi montras antaŭ ĉio, ke la homoj komencis jam kompreni, ke lingvo internacia estas utila ne sole por popoloj malfortaj, sed ankaŭ por popoloj fortaj ; sed tio ĉi montras ankoraŭ alian aferon, multe pli gravan : ke la homoj vidas en la esperantismo ne sole aferon de egoisma oportuneco, sed gravan ideon de intergenta justeco kaj frateco, kaj al tiu ĉi ideo volas servi la noblaj homoj de *ĉiuj* popoloj, tute egale, ĉu iliaj popoloj estas fortaj aŭ malfortaj, kaj ĉu la intergenta justeco estas por ili profita aŭ malprofita. Ni scias, ke la plimulton de niaj britaj samideanoj alkondukis al ni la interna ideo de la esperantismo, kaj tial ni tiom pli ĝoje esprimas al niaj britaj amikoj nian koran dankon. La Kembriĝanoj akceptas nin hodiaŭ ne kiel komercistojn, kiuj alportas al ili profiton, sed kiel apostolojn de ideo homara, kiun ili komprenas kaj ŝatas ; koran dankon al la Kembriĝanoj, koran dankon al la glora Kembriĝa universitato, kiu pruntis al ni siajn ĉambrojn, koran dankon al la Kembriĝa urbestraro, kiu gastame zorgis pri nia bono. Ni kore salutas vin, granda brita popolo, ni plej respekte salutas vian altan reprezentanton, Lian Reĝan Moŝton. Vivu la reĝ'al vi, tre longe vivu Li, gardu Lin Di' !

Samideanoj !

En la momento de la malfermo de nia tria kongreso ni ne povas silenti pri la tro multaj amikoj, kiujn la Morto kaptis dum la pasinta jaro ; vi ĉiuj memoras, ke tuj post la Geneva kongreso, ni sciiĝis pri la malfeliĉa morto de D-ro Lloyd, prezidanto de la Liverpoola Grupo. Ni perdis ankaŭ du eminentajn amikojn de nia afero, la gloran scienculon Berthelot kaj profesoron Michael Foster, kiu esperis nin akcepti en Kembridĝo. Fine, mortis nia plej kara samideano kaj amiko, kiu estis la animo de niaj ĝisnunaj kongresoj, la ĉefa motoro de nia lasta kongreso en Genevo, la fondinto, subteninto kaj inspirinto de nia konstanta kongresa komitato. Vi ĉiuj scias, pri kiu mi parolas. Nia neforgesebla amiko Javal plu ne ekzistas. Al vi, amikoj esperantistoj de ĉiuj landoj, kaj al vi, niaj estimataj gastoj, kiuj simpatias nian aferon, mi proponas, ke ni honoru la memoron de nia multemerita samideano kaj de ĉiuj mortintaj Esperantistoj per leviĝo de niaj seĝoj.

Samideanoj !

Antaŭ tri semajnoj finiĝis ĝuste dudek jaroj de la tago, kiam aperis publike la unua libro pri la lingvo Esperanto. En ĉiuj partoj de la mondo la Esperantistoj festis tiun tagon. Kiel fondinto de Esperanto, mi ricevis en tiu tago multajn gratulajn telegramojn kaj leterojn. Car mi ne havas kancelarion, sed mi devas mem ĉion plenumi en miaj liberaj horoj, tiel oni facile komprenos, ke respondi ĉiujn ricevitajn esprimojn de amikeco estis por mi afero absolute ne ebla, kaj oni min facile pardonos. Mi uzas nun la bonan okazon, por esprimi mian plej sinceran dankon al ĉiuj, kiuj sendis al mi amikajn bondezirojn. La gratuloj apartenas kompreneble ne al mi persone, sed al la tuta batalantaro esperantista, kaj mi estas nur la centra punkto, en kiu kolektiĝis ĉiuj gratuloj. por resalti de tie al ĉiuj flankoj de la mondo, al ĉiuj lokoj, kie loĝas kaj laboras niaj senlacaj samideanoj. Kvazaŭ silente komisiita de la tuta esperantistaro, mi vokas al ĉiuj esperantistoj-batalantoj : mi vin gratulas ! Mi kore vin gratulas, ke vi pacience eltenis en la daŭro de dudek jaroj, malgraŭ la multaj atakoj kaj malagrablajoj, kiuj al neniu el vi mankis. Mi kore vin gratulas pro tiuj rezultatoj, kiujn donis via energia kaj sindona dudek-jara laborado. Dudek jaroj da laborado por la esperantismo ! kion tio signifas, — oni komprenos nur iam poste, kiam oni legos la detalan historion de la esperantismo. Kian grandegan gravecon havas niaj ĝisnunaj akiroj, tion oni ankaŭ ĝuste komprenos nur iam poste, kiam oni ekscios detale la historion de niaj unuaj jaroj, kiam la akiro de ĉiu nova Esperantisto estis ligita kun senfina laborado kaj oferado.

Multaj el vi konas la historion de la lastaj dek jaroj de la esperantismo, kiam la longe dormintaj semoj komencis doni la unuajn trunketojn ; sed tre malmultaj el vi konas la historion de la *unuaj* dek jaroj, kiuj konsistis el senfina, ŝajne tute sensukcesa semado. La historio de la esperantismo iam rakontos al vi pri ĉiuj tiamaj semantoj.

Nun nia afaro staras forte. La glacia tavolo da antaŭjuĝoj de la mondo estas rompita, kaj nia afero kreskas regule kaj senhalte. Ĉiu jaro potence pligrandigas niajn fortojn, kaj ni iras al nia celo jam kun plena trankvileco. Centoj da miloj da radikoj kaj radiketoj subtenas nian arbon, kiu jam ne timas la venton. La naturo, kiu longan tempon batalis *kontraŭ* ni, batalas nun *por* ni, ĉar tiu sama forto de inercio, kiu longan tempon terure malhelpis ĉiun nian paŝon, ĝi mem nun ŝovas nin antaŭen. Eĉ se ni volus nun halti, ni jam ne povus.

Mi transiras al la vera temo de mia hodiaŭa parolado. Mi volas paroli al vi hodiaŭ pri la esenco kaj celo de niaj kongresoj. Sed por eviti ĉian malkompreniĝon, mi tuj en la komenco atentigas vin, ke mia parolo ne estas io oficiala, ĝi prezentas simple mian personan opinion, kiun ĉiu el vi povas aprobi aŭ ne aprobi.

Car ni decidis kunvenadi ĉiujare el ĉiuj landoj de la mondo kaj multaj el ni faras eĉ tre grandajn oferojn, por povi partopreni en niaj kongresoj, tial ni devas klarigi al ni, por *kio* ni kunvenas. Se ni konscios bone la esencon kaj celon de niaj kongresoj, tiam ni venados al ili kun ĉiam freŝa kaj neniam malfortiĝanta entuziasmo, kiel homoj, kiuj klare vidas antaŭ si la belan celon, al kiu ili iras ; sed se ni ne konscios la celon de niaj kongresoj, tiam ni baldaŭ tute malvarmiĝos por ili, kiel homoj, kiuj vagas sencele kaj kiujn tiu vagado baldaŭ lacigas kaj enuigas. Por kio do ni kunvenas ? Ĉu ni kunvenas por paroli pri esperantaj lingvaj demandoj ? Ne ! tiuj ĉi demandoj apartenas ne al la kongreso, sed ekskluzive al la Lingva Komitato, kaj por ili sufiĉus kongreso de komitatanoj. Ĉu ni kunvenas por ekzerciĝi en esperanta parolado ? Por tio sola ni ne bezonas veturi al kongreso, ĉar en niaj hejmaj grupoj ni povas en la daŭro de la tuta jaro multe pli ekzerciĝi, ol en la kelkaj tagoj de la kongreso, kaj por la sola kelktaga ekzerciĝo en parolado neniu entreprenus grandajn vojaĝojn. Ĉu ni kunvenas por fari manifestacion kaj sekve propagandon ? Jes, certe ! Sed ĉar el cent kongresanoj almenaŭ naŭdek-naŭ havas de Esperanto nur *moralan* profiton, por kio do ni ĝin propagandas ? Mi ne dubas, [illegible] la plimulto el vi donos al ni nur unu respondon : ni faras manifestacion kaj propagandon por la esperantismo ne pro ia utilo, kiun ĉiu el ni persone povas havi de ĝi, sed pro tiu gravega signifo, kiun la esperantiomo havas por la tuta *homaro*, pro tiu komunehoma celo, kiu nin, aktivajn Esperantistojn, altiris al Esperanto ; ni kunvenas ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo, por havi la ĝojon vidi samideanojn, por premi al ili la manon, por varmigi en ni per reciproka renkontiĝo kaj kunvivo la amon kaj entuziasmon por la ideo, kiun la esperantismo en si enhavas. Kiel la antikvaj hebreoj tri fojojn ĉiujare kunvenadis en Jeruzalemo, por vigligadi en si la amon al la ideo monoteisma, tiel ni ĉiujare kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo, por vigligi en ni la amon al la ideo esperantisma. *Kaj tio ĉi estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj.*

Car la mondo ĉiam komprenis, ke la esperantismo estas forte ligita kun certa interna ideo, kaj tre multaj personoj ne volis lerni kaj uzi Esperanton nur tial, ĉar ili ne volis esti rigardataj kiel partianoj de ia ideo, tial — por ne fortimigi de ni la grandajn amasojn, — ni estis devigitaj klarigi per la Bulonja deklaracio, ke la simpla esperantisteco, t. e. la uzado de la lingvo Esperanto, nenium devigas esti partiano de tiu aŭ alia ideo, ke ĉiu Esperantisto restas homo tute libera kaj unuj Esperantistoj ne respondas por la ideoj de aliaj Esperantistoj. Sed se la simpla praktika *esperantisteco*, t. e. la simpla lernado kaj uzado de Esperanto, neniun devigas aliĝi al ia ideo, tamen neniu povas dubi, ke ĉiujn, aŭ almenaŭ la grandegan plimulton de la personoj, kiuj *batalas* por Esperanto, ligas unu komuna ideo, kiu estas la tuta stimulo de ilia laborado. Ĉiu *privata* Esperantisto povas havi tiajn konvinkojn aŭ fari tiajn agojn, kiajn li volas, kaj ni ne respondas por liaj konvinkoj nek agoj, kiel li ne respondas por niaj. Li povas esti la plej granda egoisto, genta ŝovinisto, malamanto de homoj aŭ eĉ la plej malnobla krimulo, kaj se li nur uzas la lingvon Esperanto, ni ne povas malpermesi al li nomi sin esperantisto. Sed se li volas veni al esperantista *Kongreso*, aŭ se li volas aliĝi al ia alia institucio, kiu portas la verdan standardon, tiam la afero ŝanĝiĝas. Tiam li venas en landon, kiu havas siajn apartajn leĝojn, siajn apartajn morojn kaj principojn. En Esperantujo regas ne sole la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ la interna *ideo* de la esperantismo : en Esperantujo regas ne sole la oficiala ĝenerala esperantismo, — tie regas ankaŭ io alia, io ĝis nun ankoraŭ ne precize formulita, sed tre bone sentata de ĉiuj esperantujanoj — tie regas la *verda standardo !* Kio estas la verda standardo ? Se por iu komercisto, kiu uzas Esperanton nur por vendi siajn komercajojn, aŭ por iu sportisto, kiu uzas Esperanton nur por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo, simpla interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj — ni, Esperantistoj-batalantoj, certe vidas en nia standardo ion alian : ĝi estas por ni io sankta, ĝi estas la signo, sub kiu ni marŝas al nia paca batalado, ĝi estas la voĉo, kiu konstante memorigas al ni, ke ni laboras por Esperanto nur tial, ĉar ni esperas, ke pli aŭ malpli frue, eble post multaj jarcentoj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Ni konstante ripetadis, ke ni tute ne deziras nin enmiksi en la *internan* vivon de la gentoj, sed ni deziras nur krei ligantan ponton *inter* la gentoj. La devizo de la ideaj Esperantistoj, neniam ĝis nun precize formulita, sed ĉiam klare sentata, estas : « *Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartajojn.* »

Tia, laŭ mia opinio, estas la devizo de la verda standardo, de tiu bela kaj majesta standardo, kiu kunvokas nin ĉiujare el ĉiuj partoj de la mondo en la nomo de la plej bela revo de la homaro.

Por formuli precize ĉiujn detalojn de la dirita devizo, ne venis ankoraŭ la tempo ; ili formuliĝos per si mem, iom post iom, per nia ĉiujara kunvenado kaj kunvivado. Mi volis nur atentigi vin, ke niaj kongresoj, farataj sub la signo de la verda standardo estas ne sole kongresoj de la *lingvo* Esperanto, sed ankaŭ de la interna ideo de la esperantismo. Sekve ĉiu temo, en kiu ni sentas la spiriton de la verda standardo, ĉio kio kondukas al rompado de la muroj inter la gentoj, apartenas al nia kongreso. Vi ofte aŭdis pri la *neŭtraleco* de niaj kongresoj. Jes, neŭtraleco estas la ĉefa principo de niaj kongresoj ; sed oni devas ĝuste kompreni la sencon de tiu ĉi neŭtraleco. Neŭtraleco ekkistas en *ĉiuj* internaciaj kongresoj ; sed dum tie la neŭtraleco estas simple afero de *takto*, ĉe ni ĝi estas la ĉefa principo, ĉe ni la neŭtraleco, aŭ pli ĝuste la neŭtraligo de la intergentaj rilatoj estas la tuta enhavo, la tuta celo de niaj laboroj. Tial mi neniam devas paroli en niaj kongresoj pri aferoj speciale politikaj kiuj apartenas al la diplomatoj, aŭ pri aferoj speciale religiaj, kiuj apartenas al la ekleziuloj kaj filozofoj, — ĉar la verda standardo malpermesas al ni fari ion, kio povus ofendi tiun aŭ alian genton aŭ religian grupon ; sed ĉio, kio, neniun ofendante, povas krei pacan *ponton* inter la popoloj, tio ne sole ne devas esti timeme evitata en niaj kongresoj, sed kontraŭe, ĝi devas esti ĝuste la *esenco* de niaj kongresoj, ĉar ĝi apartenas al la verda standardo. Se ni memoros pri la postuloj de la verda standardo, tiam ni ne timos plu paroli kaj agi, tiam ni irados al nia celo konscie kaj kuraĝe kaj niaj kongresoj fariĝos kun ĉiu jaro pli interesaj kaj pli gravaj por la mondo. La verda stelo ĉesos esti malkuraĝa signo de silento, ĝi fariĝos signo de laboro. Ĉio, kio kondukas al rompado de

la muroj inter la gentoj, apartenas al nia kongreso. Vastaj kaj grandaj estas la rilatoj inter la gentoj kaj nacioj, kaj vastaj kaj multenombraj estas la temoj, kiujn ni devos pridiskutadi. Tiel ekzemple, havante nenian intencon enmiksi sin en ian specialan sistemon pri tiu aŭ alia temo, oni povas proponi al niaj kongresoj internaciajn sistemojn por la oportuneco kaj neŭtraleco de la rilatoj internaciaj, kiel ekzemple internacian monsistemon, horsistemon, kalendaron, k. t. p., kaj tiam ni povos esplori, ĉu la propono estas bona aŭ ne, sed ni ne devas diri, ke la diskutado pri tiuj projektoj estas kontraŭa al nia programo. Oni eble ankaŭ proponos al ni la aranĝon de kelkaj festoj intergentaj, kiuj ekzistus paralele kun la specialaj festoj de ĉia gento kaj eklezio kaj servus por frate ligi inter si la popolojn ; oni proponos ankaŭ aliajn similajn aferojn. Ne venis ankoraŭ la tempo, por paroli pri ĉio detale, tial pardonu min, ke mi nur aludas per kelkaj vortetoj tion, pri kio mi volus multe, tre multe paroli kun vi ; sed ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj bagatelaj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuj flankoj de la homa spirito kaj moralo, oni proponados al ni diversajn rimedojn, kiuj servas al la fratigado de la homoj kaj al la rompado de la muroj inter la gentoj — kaj ĉion tion ĉi ni povos prijuĝi, akcepti aŭ ne akcepti, sed ni neniam devos ĝin blinde forjeti antaŭe. Car ĉio, kio servas al la fratigado de la gentoj kaj al la rompado de la malamikaj muroj inter la popoloj — se ĝi nur ne enmiksas sin en la internan vivon de la gentoj — apartenas al la verda standardo.

Karaj amikoj !

Mi klarigis al vi, kio — laŭ mia opinio — devas esti la celado de niaj kongresoj. Dum ĉiu privata Esperantisto povas kontentiĝi per tio, ke li uzas la lingvon Esperanto, niaj kongresoj — laŭ mia opinio — devas labori ne sole por la lingvo, sed ankaŭ por la interna ideo de la esperantismo. Mi ripetas, ke tio ĉi estas mia privata opinio, kiun mi tute ne volas proponi al vi kiel ian oficialan programon por niaj kongresoj. Nia kongreso devas esti simple kongreso de Esperantistoj, kaj kondiĉe ke ĝia programo estu preparita laŭ la kongresa regularo, ĝi devas resti tute libera kaj konformiĝi ĉiufoje al la opinioj kaj deziroj de la plimulto de la kongresanoj: Sed ĉu vi aprobos mian opinion aŭ ne, ĉu vi volos labori laŭ la postuloj de la verda standardo aŭ ne — mi ne dubas, ke en la profundeco de viaj koroj vi ĉiuj *sentas* la verdan standardon, vi ĉiuj sentas, ke ĝi estas io pli, ol simpla signo de lingvo. Kaj ju pli ni partoprenados en niaj ĉiujaraj kongresoj, des pli ni interfratiĝos kaj des pli la principoj de la verda standardo penetros en nian animon. Multaj personoj aliĝas al la esperantismo pro simpla scivoleco, pro sporto, aŭ eble eĉ pro atendata profito ; sed de la momento, kiam ili faras la unuan viziton en Esperantujo, ili malgraŭ sia propra volo ĉiam pli kaj pli entiriĝas kaj submetiĝas al la leĝoj de tiu lando. Iom post iom Esperantujo fariĝos edukejo de la estonta interfratigita homaro, kaj en tio ĉi konsistos la plej gravaj meritoj de niaj kongresoj.

Vivu Esperanto, sed antaŭ ĉio vivu la celo kaj la interna ideo de la esperantismo, vivo la frateco de la popoloj, vivu ĉio, kio rompas la murojn inter la gentoj, vivu, kresku kaj floru la verda standardo !

# TRA LA MONDO

## Italujo

Udine, Aŭgusto 1907.

La pasintajn tagojn, la superreganta motivo de la Itala vivo politika, kiu tute koncentriĝis en la jurnalismo kaj en la placaj kunvenoj, estis la jena : Malkovri skandalojn en la kolegioj de gejunuloj, en kiuj la edukistoj estas gereligiuloj. Kiel en la pasintaj jarcentoj, kiam furiozis la pesto en Milano, oni vidis ĉie *untorojn,* t. e. la ŝmirantoj, kiuj disvastigis la malsanerojn, tiel same hodiaŭ ne mankas la pretekstoj por disbati la gepastraron. La pasintajn jarojn, la jurnalaro pro manko de kroniko dum la periodo somera anoncis la aperon de la mara serpento. Nun jam ne sufiĉas tia neofenda sciigo. Se la sciigo ne ekzistas, oni bezonas ĝin krei kaj oni komprenas ke, blovante en la fajro de la homaj pasioj gis ili elĉeniĝos, elvoki la eksplodon estas tre facile, kaj kiam la skandalo aperas sur la horizonton oni devas ĝin akurate analizi kaj prezenti en ĉiuj ĝiaj detaloj al la publika sciemo. Evidente, Italujo volas imiti Francujon, la pli grandan fratinon, en la konflikto de la liberpensuloj kontraŭ la ekleziuloj, kaj de ambaŭ partioj oni klopodas por eksciti la animojn. La unua preteksto komenci la militon kontraŭ la pastroj estis liverita de la malpuraj kaj malĉastaj faktoj malkaŝitaj en la edukejoj de la pseŭdomonaĥino *Fumagalli*, stranga virino, kiu loĝis en multaj malsamaj urboj kaj ĉie provis starigi edukejojn por junulinoj. Si estis prefere aventuristino kaj de monaĥino havis nur la vestojn, ĉar neniam ŝi apartenis al ia religia ordeno kaj surdorsigis trouze la monaĥinajn vestojn. Eĉ la ekleziaj aŭtoritatoj, kelkajn fojojn, sed vane, ŝin denuncis al la polico. De tiam komenciĝis enketoj kaj denuncoj kontraŭ la edukejoj direktitaj de katolikaj religiuloj, sed vere oni ne trovis en la plimulto de la okazoj ion kritikindan ĉar tiaj kolegioj estas ofte inspektitaj kaj iliaj estroj estas lertaj kaj obeas al la leĝo kiel eble plej diligente. La dua grava skandalo aperis en kolegio de Varazze (Ligurio), direktata de fratoj salezianoj. Tie dekkvarjara junulo, instigita de sia patrino, ĉiutage notis en ĉiuj iliaj detaloj iajn erotikajn kaj malpuregajn ritojn faritajn de la gemonaĥoj kune kun kelkaj lernantoj, sub la nomo konata « nigraj mesoj ». La afero estis denuncita al la juĝa aŭtoritato kiu komencis sian enketon. Aliflanke, la kulpigitaj Salezianoj de la kolegio ekprocesis kontraŭ la kulpigantoj. Sed la afero falis sub la potencon de la jurnalismo kaj naskis akrajn polemikojn. La ĉefa punkto staras jene : ĉu la denuncanto, kiu estas la sola jesiganto dum ĉiuj aliaj kunlernantoj neas absolute, estas tipo normala aŭ ne ? ĉu li vidis reale tion kion li detale priskribas, aŭ ĉu li vidis nur sub la regado de halucinacio ? La tialoj estas gravaj en ambaŭ kampoj, sed oni facile komprenas, ke la jurnaloj, kiuj servas pli la partiojn ol la veron, ne estas la loko, kie oni povas solvi demandojn tiel delikatajn. Mi demandas min ankaŭ, ĉu tia serena kampo estos la juĝejoj de Italujo, sed mi havas multe por dubi. Cu oni ne scias ke kie oni tiel laŭte fanfaronas dirante, ke oni klopodas serĉi la veron, oni atingas prefere la malan rezultaton, nome kovri la veron per densa vualo ? Despli la scienca kaj civila progreso klopodas por malkovri la naturajn sekretojn, despli la homo lernas samtempe kaŝi, kovri kaj konfuzi la sekretojn de la koro ! La vortoj maldolĉigaj de la gazetoj estis resenditaj tra la needukita popolo kaj tra la malaltaj socialaj klasoj sub formo de materiala persekutado de la pastroj sub la urbostratoj. Oni kraĉis sur la vizaĝon de la fama muzikisto Perosi, oni insultis kardinalon Mery de Val, oni atakis monsinjorojn Gasparre kaj Giambene ; tiu ĉi lasta estas la lerta esperantisto de Romo, kiu tiuokaze ricevis multajn atestojn de estimo kaj respekto. Ni aldonas la nian ! La registaro ordonis al siaj agentoj, ke ili miksiĝu kiel eble malpli en tiuj konfliktoj. Poncio Pilato reviviĝas ! Kiel oni vidas, dum la libertempo, oni kolektas novajn materialojn de procesoj por aŭtuno kaj vintro. La jurnalistoj kaj advokatoj semas, semadas... La proceso Nasi, la proceso kontraŭ la persekutantoj de Angelelli kaj Acciarito ne liveris sufiĉan temon por la soifo de la publika malsaniga sciemo ! Aliparte oni scias ke la Itala magistrataro estas en defalado kaj malkredito. La Supera kortumo devis, la lastajn semajnojn, puni multajn jugistojn, kiuj montriĝis aŭ subaĉeteblaj aŭ malbonmoraj aŭ nekapablaj. Tial la popolo kiu emas al ironio kantas poemeton kiu diras proksimume : « La juĝisto demandas kulpigiton, ĉu li estis alian fojon en malliberejo, kaj tiu ĉi respondas : Jes, mi estis unu jaron en malliberejo de Regina Colli (Romo) ; ĉu via juĝista mosto forgesis, ke ni tie konatiĝis reciproke ? »

Oni facile komprenas, ke meze de tiuj ĉi malpuraj aferoj la Italaj jurnaloj ne havis tempon kaj spacon por dediĉi al la Kembriĝa kongreso. Sed estas pli bone ! La lastan jaron, granda jurnalo de Romo presis korespondon el Genevo de ĉeestinto en la kongreso, kaj post la fino de la kunveno akceptis mokan leteron pri nía afero, skribitan de persono, kiu ne partoprenis en la kongreso, sed havis la senhonton kredigi ke li el Milana ekspozicio faris veturadon ĝis Genevo !

Meze de tiuj Italaj malgajajoj, oni devas memori la venkon de la aŭtomobila kurado Pekingo-Parizo, faritan de Itala princo Borghese kaj la decidon de la kongreso de de la Fiziologiistoj kunvenintaj en Heidelberg, kiu voĉdonis nomigi per la nomo de la fiziologiisto *Angelo Mosso*, senatano kaj prof. en Torina universitato la Sciencan instituton starigitan sur la « Col Olen » meze de Alpoj, inter Ollagna kaj Gresoney, je la alteco da 3000 metroj, kies inaŭguracio okazos la 29an de tiu ĉi monato.

A. Tellini.

## Norvegujo

Kristianio, Aŭgusto 1907.

La nacia Parlamento (Storting) jus fermiĝis, laborinte sinsekve dum 281 tagoj ; tio estas la plej longa kunsidado konstatebla en la Norvega historio. En tiu ĉi Storting oni certe multe laboris. La komerca kodo estis plene refarita ; la solvo de la demando pri asekuro de maljuneco ankaŭ faris ŝatindan progreson ; la rekta laŭrenta imposto estis pligrandigita, k. t. p. Multajn fojojn, oni opiniis, ke la nuna ministraro Michelsen devos eksiĝi, sed ĝi sukcesis venki ĉian malplimulton kaj kontraŭstari la atakojn de la opozicio. Sed el ĉiuj leĝoj akceptitaj de la Parlamento, la plej grava estas tiu, kiu koncernas la voĉrajton de la virinoj. Jam de longe la programoj radikala kaj konservativa entenis tiun reformon. Tamen ŝajnas, ke la publiko dubis pri ĝia rapida realiĝo. En la lastaj balotoj oni sin okupis pri pli malgravaj demandoj kaj flanklasis tiun ĉefan problemon, sendube ĉar ĝi ŝajnis frumatura. Tamen, post la submeto de la demnado al la Parlemento, la deputatoj akceptis tiun reformon per 96 voĉoj kontraŭ 25. Laŭ la malnova leĝo, ĉiu Norvego dudek-kvinjara estis voĉdonanto ; laŭ la nova akceptita leĝo, ĉiu regnan*ino* Norvega pli ol dudek-kvinjara havos tiun saman rajton kondiĉe ke ŝi pagis imposton laŭ jara rento da 300 aŭ 400 kronoj laŭ la loko. Se ŝi estas edzino, sufiĉas ke ŝia edzo pagis la imposton, por ke ŝi estu voĉdonantino. Oni kalkulas, ke proksimume 300.000 ĝis 350.000 virinoj povos voĉdoni. Tiu reformo estas do plena venko de la feminismo. Ni esperu, ke ĝi havas bonan influon sur la vivadon de nia Parlamento. La balotoj de 1910 estos farataj laŭ tiu leĝo kaj la venonta Storting havos jam deputatinojn. Oni do

FELIETONO DE " ESPERANTO " 7

## LA LEGENDO

DE

# SANKTA JULIANO HELPEMA

el Gustave **FLAUBERT**

(trad. H. Hodler)

Li komence starigis sur la bordkrutajo kvazaŭan alirejon, kiu ebligis la malsupreniron ĝis la kanalo ; kaj li rompis siajn ungojn movante la grandegajn ŝtonojn, ilin apogante kontraŭ sia ventro por ilin translokigi, glitis en la ŝlimon, interniĝis, estis multafoje pereonta. Fine, li riparis la barketon per ŝipperdajo kaj faris al si kajuton per argilo kaj arbotrunkoj. La pasejo estis konata ; la vojaĝantoj ekprezentiĝis. Ili el la alia bordo alvokis svingante flagojn. Juliano tre rapide saltis en la barketon. Gi estis tre peza ; kaj oni ĝin ŝarĝis per ĉiaj pakajoj, ne enkalkulante la servbestojn, kiuj pro timo piedfrapis kaj pliigadis la obstrukcon. Li nenion petis por sia laboro ; kelkaj fordonis al li restajojn de manĝoj, kiujn ili eltiris el siaj sakoj aŭ tro eluzitajn vestojn, kiujn ili jam ne bezonis. Brutuloj kriis blasfemojn. Juliano ilin dolĉe riproĉis, kaj ili respondis per insultoj. Li kontentigis sin, benante ilin. Tableto, skabelo, lito el mortintaj folioj kaj tri argilaj kalikoj, jen lia tuta meblaro. Du truoj en la muroj servis kiel fenestroj ; ĉe unu flanko, malproksimem etendiĝis senfruktaj ebenajoj, kiuj tie ĉi kaj tie havis sur sia suprajo palajn marĉetojn ; kaj antaŭ li, la granda riverego ruladis siajn dubeverdajn ondojn. En la printempo, la malseka tero havis putran odoron, kaj konfuza vento blovturnigis la polvon, ĉien eniĝis, enŝlimis la akvon, krakis sub la dentokarnoj. Iom pli malfrue, jen alflugis aregoj de kuloj, kies zumado kaj pikado haltis nek tage, nek nokte. Fine, okazis teruraj frostoj, kiuj ĉion rigidigis kiel ŝtono, kaj inspiris frenezan bezonon manĝi viandon. Monatoj forpasis dum kiuj Juliano neniun vidis. Ofte, li fermadis la okulojn, provis rememoradi pri sia juneco ; — kaj aperis la korto de kastelo kun leporhundoj sur la perono servistoj en la ĉambro de l'armiloj, kaj sub lulilo de vinberbranĉoj blondhara junulo inter felkovrita maljunulo kaj kapornamita sinjorino ; subite, jen estis ambaŭ kadavroj. Li sin jetis al sia lito kaj plorante ripetadis : « Ah ! malfeliĉa patro ! malfeliĉa patrino ! malfeliĉa patrino ! » kaj lin kaptis dormetado, dum kiu daŭris la funebraj aperajoj.

Nokton, dum dormo, li kredis aŭdi kvazaŭ iu lin vokus. Li aŭskultis kaj distingis nur la murmuradon de l'ondaro. Sed la sama voĉo diris : « Juliano ! ». Gi venis el la alia bordo kaj pro la larĝeco de la riverego, tio ŝajnis al li neordinara. Trian fojon, oni vokis : « Juliano ! ». Kaj tiu laŭta voĉo sonadis kiel preĝeja sonorilo. Ekbruliginte sian lanternon, li eliris el la kajuto. Furioza ventego plenigadis la nokton. La profundan mallumon ĉi-tie kaj tie dissiradis la blankajo de l'alnaĝantaj ondoj. Post unu minuto de ŝanceliĝo, Juliano malŝnuris la ligilon. La akvo tuj trankviliĝis, la barketo ekglitis kaj alteriĝis ĉe l'alia bordo, kie atendis viro. Li estis volvita per dissirita tolajo, kun vizaĝo simila al gipsa masko kaj du okuloj pli ruĝaj ol flamoj. Liajn manojn vipis hajlo, en lian dorson enfluis pluvo, lin sufokis la akreco de l'aero ; li ekhaltis. Tiam la barketo sengvidiĝis. Sed komprenante, ke tio estas grava ordono, kiun malobei li ne devas, li reprenis siajn remilojn ; kaj la bruadon de l'ventego rompadis la krakado de l'remiloj. La lanterneto brulis antaŭ li ; flugetantaj birdoj lin kaŝis iafoje. Sed li ĉiam vidis la pupilojn de l'Leprulo, poste staranta, senmova kiel pilono, kaj tio daŭradis longe, tre longe ! Post la alveno en la kajuto, Juliano fermis la pordon ; kaj li vidis la leprulon sidantan sur la skabelo. La kvazaŭa mortkitelo, per kiu li estis vestita, jus falis ĝis la koksoj ; kaj sub makuloj de pusoj skvamaj, aperis liaj ŝultroj, lia brusto, liaj malgrasaj brakoj. Grandegaj sulkoj striis lian frunton. Kvazaŭ skeleto, li havis truon anstataŭ nazo ; kaj liaj duonbluaj lipoj elsputis putran haladzon densan kiel nebulo. « Mi malsatas », li diris. Al li Juliano fordonis, kion li posedis, nome malnovan pecon de lardo kaj la krustojn de nigra pano. Post kiam li manĝis ilin, la tablo, la telero kaj la tenilo de la tranĉilo havis la samajn makulojn kiel la korpo. Poste li diris : « Mi soifas ! ». Juliano iris serĉi sian kruĉon kaj prenante ĝin, eliĝis aromo, kiu ĝojigis lian koron kaj lian flaron : ĝi estis vino ; kia trovajo ! sed la Leprulo etendis la brakon kaj, per unu fojo, eltrinkis la kruĉon. Poste li diris : « Mi malvarmas ! ». Juliano per sia kandelo flamigis garbon de filiko, meze de l'kajuto. Le Leprulo tie sin revarmigis ; kaj, sidante sur siaj kaikanoj, li tremadis per ĉiuj siaj membroj. malfortikiĝadis ; jam ne brilis liaj okuloj, elfluis liaj ulceroj, kaj li per preskaŭ mortinta voĉo ekmurmuris : « Vian liton ! » Juliano dolĉe helpis lin por ĝisrampi, kaj eĉ kiel kovrilo sternis sur lin la tukon de sia barketo. La Leprulo ĝemadis. Liajn dentojn malkovris la anguloj de l'buŝo, lian bruston skuadis rapidema stertoro, kaj lia ventro, ĉe ĉiu enspiro, fosiĝis ĝis la vertebroj. Kaj li fermis la palpebrojn. « Kvazaŭ glacio enloĝas miajn ostojn ! Venu al mi ! ». Kaj Juliano, formetante la tolon, apuden kuŝiĝis sur la mortintaj folioj, flanko ĉe flanko. La Leprulo turnis la kapon : « Senvestigu vin, por ke mi ricevu la varmon de via korpo ! ». Juliano formetis siajn vestojn ; kaj nuda kiel en la tago de l'naskiĝo, li rekuŝiĝis sur la liton ; kaj li kontraŭ sia femuro sentis la haŭton de l'Leprulo, pli malvarman ol serpento kaj tiel malglatan kiel fajlilo. Li provis lin rekuraĝigi ; kaj la alia respondis, spiregante : « Ah ! mi tuj mortos !... Proksimiĝu, varmigu min ! Ne per viaj manoj ! ne ! per via tuta korpo ! » Sur lin Juliano sin tute sternis, buŝo ĉe buŝo, brusto ĉe brusto.

Tiam lin premis la Leprulo ; kaj liaj okuloj eklumis kiel steloj ; liaj haroj longiĝis kiel radioj de suno ; la spiro de lia nazo fariĝis dolĉa kiel rozo ; aroma nubo fornaĝis el la fajrujo, ekkantis ondaro. Jen, feliĉega, superhoma ĝojo, kvazaŭ superakvis l'animon de Juliano, svenanta, kaj la homo, kies brakoj lin premis, grandiĝadis, pligrandiĝadis, per sia korpo kaj siaj piedoj atingis ĝis la muroj de l'kajuto. Forflugis la tegmento, malkovriĝis la ĉielaro ; — kaj, jen, al la bluaj spacoj suprenflugis Juliano, brusto ĉe brusto kun Nia Sinjoro Jesuo, kiu kunportis lin ĉielen.

Jen estas la historio de Sankta Juliano Helpema, kiel oni ĝin proksimume legas sur preĝeja vitrajo, en lando mia.

*Fino.*

baldaŭ povos juĝi pri la bono aŭ malbono de tiu maltima initiativo. Cetere, oni scias, ke Finnlando jam efektivigis la voĉrajton de la virinoj ; la feminismo okupas kaj ekvenkas la Nordajn landojn...

K. O.

## Tutmonda Kroniko

*3-6, Aŭgusto Swinemünde.* — Renkonto de la Caro kun imperiestro Vilhelmo IIa.

*4, Angers.* — Vagonaro falas kune kun la ponto en la riveron Luaro ; 30 mortintoj.

*6, Piatgorok (Kaŭkazujo).* — Oni inside mortigas G-lon Karangosof, eksguberniestro de Odessa.

*Persujo.* — La turka soldataro detruas la vilaĝon Mavahet ; 80 mortigitoj.

*Metz.* — Inaŭguracio de la Eŭkaristia kongreso.

*7, Casablanca (Marokujo).* — La francaj kaj hispanaj militŝipoj bombardas la urbon.

*San-Paulo, Minn. (U. S. A.).* — Uragano duonruinigas la provincon.

*Tremersen (Germanujo).* — Fervoja malfeliĉo ; 30 mortintoj.

*Marokujo.* — La franc-hispana ŝiparo bombardas Mazagan.

*La Paz (Bolivio).* — Oni rompas la rilatojn kun Vatikano.

*Ucinello (Italujo).* — Mortas eksministro de milito, G-lo Mocenni.

*10, Bulonjo.* — Mortas kardinalo Svampa.

*Parizo.* — Princo Borghese, gajninto ĉe la konkurso Parizo-Pekingo, aŭtomile alveturas el Pekingo.

*10-13, Belfast.* — Sanga agitado pro striko.

*13, Casablanca.* — Oni arestas la marokan urbestron.

*14, Wilhelmshöhe.* — Renkonto de Wilhelmo IIa kun Edvardo VIIa.

*15, Döhmitz (Germanujo).* — Eksplodo de dinamitfabrikejo ; 12 mortintoj, 53 vunditoj.

*Ischl.* — Renkonto de la Imperiestro de Aŭstrujo kun reĝo Edvardo VIIa.

*16, Maine (U. S. A.).* — Brulado detruas la kolonion « Malnova frukto » ; 20 hoteloj kaj 60 somerloĝejoj brulas.

*19, Stuttgart.* — Malfermo de la VIIa internacia socialista kongreso.

A. Tellini.

## ESPERANTO PRAKTIKA

### Akcia Societo Esperanto

Tiu societo definitive fondiĝis dum la IIIa Kongreso. La komitato konsistas el la jenaj anoj : S-roj de Saussure, Th. Rousseau, R. Mesny, N. Evstifeieff, C. Küchler. S-roj akciuloj baldaŭ ricevos la definitivan regularon kaj la protokolon de la fondaj kunvenoj. La personoj, kiuj ne ankoraŭ pagis siajn akciojn, estas petataj tion fari kiel eble plej baldaŭ. Oficialaj informoj aperos en venonta n°.

## KONSULAJ INFORMOJ

**Amiens** (Francujo). — Esp. Konsuloj : S-ro Saquez, industriisto, 17, impasse des Saintes-Claires ; S-ro E. Searle, kastelo de Bontillerié.

La grupo de Amiens (Francujo) rememorigas la Esperantistaron, ke ĝiaj du konsuloj estas : S-ro Edward SEARLE, rentulo (*loĝanta nun, 11, rue de Londres, Amiens*), kiu ĉiam donos informojn pri la turistaj kaj artaj aferoj kaj S-ro SAGUEZ, industriisto (17, rue des Stes-Claires), kiu aparte respondos demandojn pri komerco kaj industrio.

**Bourg** (Ain-Francujo). — La sekretario de la Esp-Of. estas preta por doni letere aŭ buŝe informojn pri turismo, somerrestado en Jura montaro kaj pri la mirinde konata preĝejo de Brou (sendas vidaĵojn de tiu preĝejo).

**Bradford** (Anglujo). — Esperantista Konsulo de la grupo. A. Tuke Priestman, 12 Exchange Buildings-Bradford.

**Châlon-s-Saône** (Francujo). — Esperanto-Ofico : ĉe Mlle Blanchard, Bd de la République.

**Chaux-de-Fonds** (Svisujo). — Konsulo : S-ro Bourquin, r. Leopold Robert.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Genève** (Svisujo). — Esperanto-Konsulejo, 8, rue Bovy-Lysberg. Respondas senpage ĉiujn sciigojn pri la urbo kaj regiono. Oni nur aldonu poŝtmarkon por la respondo.

**Hegi-Winterthur** (Svisujo). — Socia-Informejo. S-ro Gustav Schwengeler, Esperanto-Ofico.

**Le Creusot** (Francujo). — Konsulejo, Esperanto-Oficejo, 20, place Schneider. Oni trovas en la oficejo ilustritajn poŝtkartojn de la fabrikejoj, sur kiuj la klarigoj estas esperante presitaj. Ĉiu merkrede je la oka vespere, esperantistaj interparoladoj ĉe la kafejo Morrot, rue d'Autun, en speciala ĉambro.

**Helsingfors** (Finlando). — Konsulejo Esp. de la Societo « Polusstelo » : Albin Sandström, 11 Köpman str.

**London. S. E. Hithergreen.** — Konsulo : J. W. Baxter, Longhurst road 4.

**Mâcon** (Francujo). — S-ro Prunot, libristo, place de la Barre.

**Parizo** (Francujo). — Franclanda Esperantista Industria kaj komerca Societo. Por ĉiuj informoj sin turni al la sekretario S-ro A. Lefèvre, 23, rue Stephenson, Paris-18e.

**Reims** (Francujo). — Esperanto-Ofico, 5, place Royale (telefono 436), Chauvillon, libristo, konsulo. Liveras ĉiujn informojn, parole kaj letere, pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo. Ricevas ĉiujn leterojn por la grupo esperantista de Reims (S. f. p. E.).

**Roanne** (Francujo). — Konsulo : S-ro Fortier-Beaulieu, 6, rue des Tanneries.

**Romo** (Italujo). — Esp-Konsulejo, Fotografia Dottarelli, 29 via Belsiana.

**Roubaix** (Francujo). -- Konsulo : A. Denis, 86, rue du Moulin-Roubaix.

**Seattle** (Wash. Unuigitaj Statoj). — Esperanta Konsulejo, S-ro Ch.-E. Randall, zorgas pri ĉiaj aferoj, komercaj, sociaj, k. c. en Seattle kaj la Pacifika marbordo por la Esperantistaro.

**St-Etienne** (Francujo). — Esperanto-Konsulejo. — Taverne Alsacienne, place Marengo. La grava firmo Manufacture française d'armes et de cycles de St-Etienne (Loire) eldonas ĉiujare belegan katalogon, kaj sur la unuaj paĝoj estas sciigoj en ĉiuj lingvoj koresponde uzataj de tiu firmo. Apud ĉia nacia traduko troviĝas la flago de ĉiu nacio. Ni plezure rimarkas, ke tiun jaron, nia lingvo estis akceptita de la progresemaj direktoroj. La graveco de la firmo pligrandigas la bonan efikon de tiu inteligenta decido. Multaj komercistoj imitu tiun bonegan ekzemplon.

**Valence** (Francujo). — Konsulo : J. Delfour-kolegiestro.

**Vesoul** (Hte-Saône, Francujo). — Konsulo : S-ro Maurice Girardet, negocisto, 1, rue de la Gare.

INTERNACIA SOCIETO

DE LA

## ESPERANTISTAJ JURISTOJ

Oficiala Informilo

La *Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj* (I. S. E. J.) fondita dum la IIa kongreso esperantista havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn, kun certeco trovi tie korespondanton, kiu parolas kaj skribas Esperante, unuvorte unuigi la Esperantistajn juristojn de ĉiuj landoj. Jam aliĝis anoj de pli ol 15 landoj.

La jara kotizaĵo kostas fr. 2,50 (1 spesmilo). ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. kaj enpresas en ĉiu No la avizojn, kiuj koncernas ĝin. La anoj de la I. S. E. J. regule ricevas la jurnalon, sen plua pago.

Por ĉiuj informoj, sin turni al *S-ro Sergeant* sekretario, *31, boulevard Mariette, Boulogne-s-Mer* (Francujo), al kiu devas esti ankaŭ sendataj ĉiuj artikoloj, petoj de la anoj, novaj aliĝoj, k. t. p.

***

Novaj aliĝoj

Baff William, 62, Providence Street, Worcester. Mass. Un. St. Amerik. — Benoit, juĝakonfidato, Dôle, Francujo. — Cantru, juĝakonfidato ĉe la alvokkorto, Caen, Francujo. Delegito por la alvokkorto de Caen. — Duclaux, juĝakonfidato ĉe la alvokkorto, Riom, Francujo. Delegito por la alvokkorto de Riom. — Hulot, juĝakonfidato, Charleville, Francujo. — Laine, notario, Tours, Francujo — Madamet, juĝakonfidato, Tours, Francujo. — Mayrargue Georges, advokato, 35, avenue de la Gare, Nice, Francujo. -- Palicot, juĝakonfidato ĉe la alvokkorto, Rennes, Francujo. Delegito por la alvokkorto de Rennes. — Thomine, juĝakonfidato, St-Lô, Francujo. — Van Langendonck, advokato, Bagé, Rio Grande de Sul Brazil.

## INTERNACIA SOCIETO PEDAGOGIA

La Internacia Societo Pedagogia havas celon atingi la unuiĝon de ĉiuj geinstruistoj de la tuta mondo kaj helpi kiel eble plej la moralan kaj materialan plibonigon de tiuj, kiuj sin okupas pri instruado kaj la progresadon de la pedagogiaj sciencoj. La jam kotizaĵo estas 40 spesdekoj (1 franko). La Centra Direkta Komitato konsistas jene : *Prezidanto :* S-ro A. López Villanueva, Murcio ; *Vicprezidantino :* S-ino C. de Burgos *Seguí*, Madrido ; *Sekretario :* S-ro S. Baudin Agüero, La Guardia *(provinco JAÉN, Hispanlando)* ; *Vicsekretario :* S-ro C. Muñoz Escobar, *Jaén* ; *Kasistino* : F-ino V. Oloriz Sánchez, La Guardia *(JAÉN Hispanlando)* ; **Voĉdonantoj** : S-ro A. Barea Molina, Málaga ; S-ro A. Gurmán Navarro, *Jaén ;* S-ro Li *Galiano* Alférez, *Ojén* (Málaga). Laŭ la regularo, ĉiu nacia sekcio havas komitaton. La prezidanto de la hispana sekcio estas S-ro E. Bartolomé Mingo, Madrido ; oni nun organizas la Kuban sekcion (prezidanto : P. R. Vicente) kaj Paragvajan sekcion (prezidanto : S-ro R. Millán Molero). La jenaj gazetoj en Hispanlando estas naciaj organoj : *La Escuela Moderna* de Madrido, *La Defensa*, de Jaén kaj *La Educacion Kontemporanea* de Málaga. Baldaŭ organiziĝos aliaj naciaj sekcioj. De nun ESPERANTO estas la oficiala organo de ĉitiu Societo. Pluaj informoj sekvos.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London** (Anglujo). S-ro H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Road, deziras korespondi pri interŝanĝo aŭ aĉeto de malnovaj Esp. jurnaloj.

« **Saturday Evening Tribune** », la plej granda grava amerika ĉiusemajna jurnalo socialista, deziras esperantistajn korespondantojn en ĉiu lando pri la labora kaj socialista movadoj. Redone oni sendos la jurnalon. (En ĉiu No esperanta artikolo). Sin turni al Ch.-E. Randall, 1522 First Ave., Seattle, Wash. U. S. A. (Unuigitaj Statoj).

**Anzin** (Francujo). — S-ro François Henri, konsulo, Avenue de Condé, 117, liveras informojn pri scienco, librotenado kai meĥaniko.

**Kamovn** (Hungarujo). — S-ro F. J.) Macalik I. U. S., petas ĉiujn gesamideanjn sendi al li bildkartojn por helpi propagandon ; ĉiam respondos.

**Düsseldorf** (Germanujo). — La Esperantista grupo eldonis multkoloran bildkarton kun vidaĵo de sia kunvenejo. Ĉiu Esperantisto povas ricevi ĝin senpage adresante urbvidindaĵon al S-ro H. S. Hoen, Schützenstr. 61-I.

**Prag-Zizkov** (Aŭstrujo). — S-ro J. Jenĉ, Havlićkova 37, deziras interŝanĝi vidaĵojn kun alilandaj gesamideanoj ; ĉiam respondos !

**Falun** (Svedujo). — S-ro H. Skog, studento, serĉas kunanojn por rondiranta manskribata gazeteto, celanta reciprokan amuzon, havigon de bonega propagandilo kaj akiron de bona internacia stilo per interkorektado. Adr. N. Kyrkobacken, *Falum*, Svedujo.

**Beaune** (Côte d'Or, Francujo). — D-ro A. Vesoux vendas je *moderaj prezoj* ordinarajn kaj *famajn vinojn*, kiujn li rikoltis.

**Paris** (Francujo). — S-ro Michaud, 13 Avenue de Saint-Mandé, tre deziras korespondi kun *inĝenieroj* pri konstruo de pontoj, tunelaj, fervojoj k. d. p. Li respondos al demandoj pri la Pariza Urbfervojo.

**Praha** II (Aŭstrujo). — S-ro A. Zahel, Táborská, 19, deziras interŝanĝi ilustr. kartojn kaj markojn kun ĉiuj gealilandanoj; ĉiam tuj respondas !

**Lausanne** (Svisujo). — S-ro Thonney, R. du Tunnel, 8, deziras *riprezenti komercajn firmojn.*

**Verdun** (Meuse-Francujo). — S-ro Adam, Agento de « Esperanto », 2, rue des Rouyers, deziras korespondi kun fremdaj gesamideanoj.

**Hamburg-Altona** (Germanujo). — S-ro Th. Rolofl, 32, Bahnhofstr. deziras aĉeti belan *buldoghundon.* Oni sendu bildon postulante la prezon.

**La Guardia** (Jaén-Hispanujo). — S-ro S. Baudin Agüero deziras korespondi kun ĉiulandaj *geinstruistoj* pri *pedagogio.*

**Taillette-Rocroi** (Ardennes-Francujo). — S-ro Heripret deziras korespondi pri *vivado de terlaboristoj* kun *svedoj* kaj *angloj.*

**Lyon** (Francujo). — Junulo dudeksesjara deziras *edziĝi* kun komercema kaj vojaĝema Esperantistino ; li konigos sian celon kaj intencojn, konigante sian nomon kaj adreson al ĉiu skribintino al : Livret Caisse d'Epargne n° 269.135, 140 poste restante, Lyon Grolée.

Oni estas petata skribi nur seriozeme.

**Hanau** a/ M. (Germanujo). — S-ro Chr. Stoll, prezidanto de la E. G. deziras korespondi per poŝtkartoj ilustritaj kun neeŭropaj geesperantistoj.

**Hanau** a/ M. (Germanujo). — S-ro Oscar Müller, sekretario de la E. G. deziras korespondi per poŝtkartoj ilustritaj kun neeŭropaj gesamideanoj.

**Martinsberg** (Aŭstrujo). — S-ro Thalinger deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Kazennaja Palata** (gub Voronej. Rusujo. — S-ro Vasiljef Aleksandro, Esperantista konsulo, bezonas interŝanĝi poŝtkartojn kun ĉiulandaj Esperantistoj. Petas la poŝtkartojn kun portretoj de l'fama homoj de ĉiuj landoj kaj epokoj.

**Douai** (Francujo). — S-ro Henry Coppin, 3, rue François Cuvelle, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun Esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Plzen** (Bohemujo-Austrio). — S-ro A. Stetina, Faborsha, 491 kaj S-ro Silpoch ul. pod Homolkon 8, deziras korespondadi kun fremlandaj esperantistoj ; ĉiam respondos.

**Basel** (Svisujo). — S-ro A. Bader, Frobenstrasse 56, deziras korespondi letere kun ĉiulandaj samideanoj por interŝanĝi poŝtmarkojn. Ĉiam respondos.

La **Esperantista Societo « Espero »** en Franzendorf apud Reichenberg, intencas aranĝi grandan ekspozicion esperantistan en Fransendorf en Hotelo « Venedig » (28an septemkro ĝis 6an de de oktobro 1907). Por tiu ĉi celo, ĉiuj samideanoj estos petataj bonvolu sendi interesajn Esperantistaĵojn, komercajn prospektojn k. t. p. kaj invitos por inda vizito.



## Kroniko Esperantista

La kongreso Esperantista kaŭzis veran pluvegon de novaj verkoj. Promenante en la ekspozicio organizita de la Tria, ni ĉe ĉiu paŝo renkontis novan ne ankoraŭ viditan libron, ofte bele binditan kaj lukse presitan. La humila literaturo Esperanta kreskas ĉiutage. Kelkajn malkontentigas aŭ timigas tiu fenomeno, ĉar ili dubas pri la vendebleco aŭ vendindeco de tia aŭ alia verko, sed aliaj — kaj mi apartenas al tiuj ĉi lastaj — kontraŭe opinias, ke la presita materialo estas la plej fortika pruvo de la nuna vivo de nia lingvo kaj de ĝia estonteco. Cetere, ĉiuj verkoj ne estas egale bonaj kaj al la baldaŭ naskota *vera* kritiko apartenos la tasko diferencigi la bonajn verkojn de la nebonaj kaj la tempo mem, la plej granda kritikisto, definitivigos tiun diferencigon ; la produktaĵoj malbonaj aŭ mezbonaj forflugos en la forgeson, eĉ se ili iam brilis per nemeritita lumo ! La kolekto de la « Revuo » pliriĉiĝas laŭ ĝojiga proporcio. Jen aperis nova granda traduko de Kabe, nome *La Faraono*, el Pola aŭtoro Prus, skribita en tiu klasika stilo, kiun ŝatas ĉiuj Esperantistoj ; la *Nevo kiel Onklo*, de Schiller, trad. de S-ro Ch. Stewart ; *Angla lingvo sen profesoro*, traduko de la fama komedio de Tristan Bernard, trad. G. Moch ; *la Rompantoj*, serio de kvin monologoj originale verkitaj de F. Pujula-Valjes ; *la Virineto de maro*, la fama konata traduko de D-ro Zamenhof aparte represita ; la *Fundamento de Esperanto*, eldono greka ; alilingvaj eldonoj de tiu verko necesega por ĉiuj Esperantistoj estas en preparado. Fine, en tiu sama kolekto ni citu dikan *originale* verkitan romanon de D-ro Vallienne, nome la *Kastelo de Prelongo* ; ni sendube poste pli detale parolos pri tiu kuraĝa kaj sekvinda ekzemplo, kiun donas al ni D-ro Vallienne publikigante longan originalan verkon kaj ne nur tradukon. La Presa Esperantista Societo eldonis tre gravan verkon : *Naŭlingva Etimologia Leksikono*, de S-ro L. Bastien. Tiu verko celas montri : 1e la konstitucion de l'esperanta vortaro kaj pruvi ĝian internaciecon ; 2e plifaciligi la memoriĝon pri la radikoj al tiuj personoj, kiuj konas unu aŭ kelkajn lingvojn ; 3e Liveri al la esperantaj instruitoj rimedon por kvietigi la scivolecon de siaj lernantoj. La verko entute estas tre interesa kaj ni povas nur konsili al ĉiu akiri ĝin ; li konstatos per scienca dokumento kiel internacia estas nia lingvo kaj komprenos multajn kialojn, kiuj ĝis nun estis ne tre klaraj. *La Rakontoj al mia betulino*, trad. de S-ro Touchebœuf estas delikataj kaj vere ĉarmaj en multaj partoj. Nova Esperanta eldonejo germana publikigis tradukon de S-ro L. E. Meier, *Esperantista Kantaro* (kolekto unua : Germanaj kantoj popolaj kaj studentaj). La ideo de tia libro estas interesa kaj plej ofte la stilo estas bona ; ni nur bedaŭras, ke la aŭtoro en sia deziro tro laŭvorte sekvi la germanan tekston iom komplikigis la versaĵojn ; oni komparu tiun kantaron kun la bela traduko de la Angla preĝaro, kantita dum la Kembriĝa Diservo, kaj oni konstatos kiel superas la simpla stilo de l'angla libreto. Cetere, kelkaj kantoj de S-ro Meier akiris tiun simplecon, kiu estas la necesega kondiĉo por traduko de kantaro *popola* kaj entute de ĉia poezio normala.

Ni aludis nur pri la literaturaj verkoj, sed flanke de ili ni trovis ne malpli ŝatindan kolekton de novaj lernolibroj, frazaroj, praktikaj propagandiloj, Esperantaj gvidlibroj kaj ĉiaspecaj reklamiloj, kiuj plej bone montras, ke nia afero ekdisvastiĝas en la praktikaj rondoj kaj ke la eldonistoj jam ne estas tiel timemaj kiel antaŭe rilate al la presado de Esperantaj libroj.

Nova Esperanta jurnalo aperis, nome *Laboro*, monata bulteno de Tutmonda Labora Societo, redaktita de S-ro L. Carlos. Al tiu nova kunfrato ni deziras plej koran bonvenon. Alia malproksima gazeto pligrandiĝis : *Japane Esperantisto* ; tiu jurnalo enhavas bonajn artikolojn pri japanaĵoj kaj montras la ŝatindan progreson de nia lingvo en tiu lando. La kongreso nun finiĝis, kaj ni nun rekomencu la gravan laboron, kiun trudas al ni ĉiutage pli fortike la Esperanta afero.

A. R.

# LA TRIA KONGRESO

Cambridge, Aŭgusto 1907

Fine, nia jam de longe atendita kaj priparolita tria kongreso malfermiĝis, Kembriĝo estas en festado, kaj ĝojas, kaj laboras la Esperantistaro sub la kondukado kaj senĉese afabla gvidado de niaj Britaj samideanoj. La sukceso estas grandega kaj plene respondas la esperojn de ĉiuj. Nova paŝo estis farita de nia lingvo, ĝuste en tiu lando mem pri kiu oni diris, ke neniam ĝi aliĝos al nia afero. Grandan dankadon ŝuldas Esperanto al la bravaj organizintoj de la kongreso, kiuj venkis ĉiujn malhelpojn kaj sukcesis efektivigi novan triumfon de Esperanto. La festo nun finiĝis; ni rekomencu la laboron.

### Alveno en Kembriĝo

Jam de vendredo granda nombro da Esperantistoj alveturis en la pentrinda urbo Kembriĝo. La stacidomo estas plena de standardetoj, dekoracioj kaj Esperantaj afiŝoj. Sur la centra placo de Guildhall, la estonta kunvenejo de la kongresanoj, flirtas al vento multaj verdaj flagoj kune kun naciaj. Ĉe la fenestroj de la hoteloj kaj loĝejoj aperas flagoj kaj aliaj Esperantaĵoj; same en la librejoj kaj la diversaj magazenoj. La urbo estas vera Esperantujo kaj, jen, ni petas informon al policano kaj li respondas al ni per plej pura Esperanto; venas alia policano kaj li same parolas al ni en Esperanto. Kriistoj disvendas Esperantajn librojn kaj revuojn. Ĉe la eniro al Guildhall staras multaj aroj da Esperantistoj jam alveturintaj. Hispano fratiĝas kun Germano, Anglo kun Ruso, Franco kun Hungaro; al niaj oreloj flugas nur Esperantaj sonoj. Ni rimarkas nun, ke la elparolado estas tute korekta kaj senmanka; niaj Britaj samideanoj faris aparte gravajn progresojn kaj la plej ofte ni aŭdas la demandon: « De kiu lando vi venas » kaj la plej amuza ludo konsistas en la divenado de la nacio de l'parolantoj. Enirante en Guildhall, ni estas en la ĉefa esperantista ejo de la kongreso. Jen la akceptejo ĉe kiu S-ro Mudie kun sindonaj kunlaborantoj afable respondas ĉiujn demandojn; apude, estas ĉambro por la poŝto, por la gazetistoj, por la ekspozicio. Post Guildhall, estas la granda grenvendejo kie kunmanĝos la Esperantistoj; aliloke, ni povas admiri la belajn kolegiojn, en kiuj, post kelka momento, kunvenos la specialistaj kunvenoj. La nombro de la kongresanoj superas ĉion atenditan; 1.100, 1.200, 1.300; ĉiahore malfruuloj enskribiĝas; ni certe atingos 1.500 (500 pli ol en Genevo; mirinda rezultado, se oni konsideras, ke Kembriĝo estas pli malcentra urbo).

### La Dimanĉo

Dimanĉo estas la unua antaŭtago de la kongreso, sed jam ĉeestas preskaŭ la tuta kongresanaro. En tiu tago okazis diversaj tre sukcesaj Diservoj. Je 9 h. granda ĉeestantaro en la katolika preĝejo kie S-ro Richardson (Belgujo) predikas kompreneble en Esperanto. Unu horon poste, pli ol 1000 personoj kunvenas en la Anglikana preĝejo. La ĉeestantoj havas en la mano la libron « Ordo de la Diservo », kiu enhavas preĝojn kaj kantojn mirinde tradukitajn. La prediko — tre rimarkinda — estis farita de S-ro Rust en Anglujo, kaj, kiaj ajn estas la konvinkoj de la ĉeestintoj, ĉiuj konfesis, ke tiu Diservo elvokis neforgeseblan impreson. La kantoj estis aparte bonaj kaj la aŭdo de tiuj mil voĉoj Esperante kantantaj estas vere neordinara spektaklo.

Posttagmeze, la tagon oni pasigis per promenado kaj afabla reciproka sinkonado. Amikaj rondoj Esperantistaj vagadas tra la urbo, aliaj vizitas la belan Botanikan Gardenon. Ĉio zumas en Esperantujo.

Vespere, okazis nova Diservo en la protestanta preĝejo; S-ro Schneeberger (Sviso) faris la preĝojn, S-ro Selbie (Anglo) tre rimarkitan predikon. La kantoj estis tiel bonaj kaj impresigaj kiel en la mateno. Bela tago plena de promesoj por la poste venontaj!

### Lundon

Jen, alvenis la solena tago. D-ro Zamenhof alveturas posttagmeze kaj ĉiuj fervore preparas belan kaj indan akcepton. La relvojo de la stacidomo estas kovrata per tapiŝo kaj la tuta domo ornamita per flagoj kaj ĉiaspecaj ornamaĵoj. Venas la eminentuloj en profesoraj aŭ militistaj roboj. Ni rimarkas S-rojn G-lo Sebert, P-ro Bourlet, de Saussure, Mudie, de Beaufront, G. Moch, Bousquet, k. a. k. a. La vidaĵo de tia diverskolora kostumaro kaŭzas vere pentrindan efekton, tiom pli ke alvenas la Urbestro de Kembriĝo kun siaj helpantoj ankaŭ en festaj kostumoj kun la insignoj de l'urbestreco. Solena momento. Muzikistaro ludas marŝojn, sonoriloj batas, kaj, jen, alvenas la vagonaro kaj eliras D-ro Zamenhof akompanita de Bulonjaj amikoj. Tondra aplaŭdado de la ĉeestantaj Esperantistoj salutas lian alvenon, dum li, iom pala de tia reĝa akcepto, afable salutas kaj dankas ĉiujn amikojn; oni krias el ĉiuj flankoj: Vivu Zamenhof! Vivu Esperanto! Post bonveno de la Urbestro, D-ro Zamenhof kun la akceptintoj traveturas la urbon meze de senfina aplaŭdado. Vere imponanta vidaĵo! En Fitz Museum, okazas la akcepto post kiu la kongresanoj estas fotografitaj.

### Malfermo de la Kongreso

Vespere okazas fine la solena malfermo de la kongreso. En la Nova Teatro kunvenas pli ol 1600 kongresanoj; la halo estas plenega kaj meze de bruega aklamado, ĥoro kantas la « Espero ». La muzika sono de la lingvo plene konvinkis ĉiujn, ke eĉ lingvo artefarita estas kapabla ĉarmi la orelojn de muzikamantoj. Nia Majstro estas aplaŭde elektita prezidanto honora de la kongreso kaj kolonelo Pollen efektiva prezidanto. S-roj Mudie kaj D-ro Cunningham estas elektitaj vic-prezidantoj. S-ro Schneeberger, prezidinto de la dua kongreso malfermis la kunsidon. Li transdonis la prezidon al kolonelo Pollen, kiu sprite dankas pro tia honoro. La urbestro tiam leviĝas kaj diras *en Esperanto* koran bonvenon al D-ro Zamenhof. Kuraĝa kaj ekzemplo imitinda de ĉiuj urbestroj. Poste S-ino Urbestredzino Esperante salutis la ĉeestantajn sinjorinojn. S-ro Pollen nun leviĝas kaj en la nomo de la Brita Asocio prezentas belan flagon por la uzado de la venontaj kongresoj. Meze de granda silento, D-ro Zamenhof legas per laŭte kaj de ĉie aŭdebla voĉo sian ĉiujaran kongresan alparolon, ofte interrompatan de longa aplaŭdado. Tiun paroladon la legantoj trovos sur tiu jurnalo mem. Post la parolado de D-ro Zamenhof, la ĝenerala sekretario, S-ro G. Moch legas multajn telegramojn kaj leterojn ricevitajn el multaj landoj. Aparte interesaj estis tiuj de S-ro Stead kaj Triedes, el Haga konferenco. Parolas ankaŭ leŭtenanto Cardinal, kiu estis speciale delegita de la Belga registaro por ĉeesti la kongreson. Ankaŭ bela sukceso kaj ekzemplo baldaŭ imitota de aliaj. Tiam S-ro Moch enkondukas la delegitaron el pli ol 20 landoj: Aŭstrujo (S-ro Schröder, Cejka); Francujo (de Beaufront); Germanujo (Mybs); Rusujo (Evstifeieff); Tunizio (Gelula); Svedujo (Ahlberg); Polujo (Bein); Siberujo (Frenkel); Urugvajo (Munoz); Malto (Lambert); Norvegujo; Italujo (S-ino Junck); Usono (Weiss); Islando (Constance); Irlando (Fournier); Holando (Uitterdick); Katalunjo (Pujula); Hispanujo (Guinart); Gibraltar (Edwards); Danujo (Bœbel); Britujo (Rhodes); Skotujo (Warden); Belgujo (Blanjean); Slovakujo (Skervan); Kanado (Beauchemin); Hungarujo, k. t. p., k. t. p. La delegitoj siavice parolis, jen longe, jen mallonge, sed ĉiuj kun la sama fervoreco, la sama entuziasmo kaj estis aklamataj senfine. Sed kiam je 12 h. nokte, oni kantis la « Savu la Reĝon Di' » estis ankoraŭ sufiĉe da energio en en la ĉeestantaro por kuniĝi en ĥoro kaj aplaŭdi kaj aklami. Ni ne forgesos la 12an de aŭgusto 1907.

### Mardon; Agada kunsido

La unua agada kunveno okazis ĉe la Urbodomo matene je 10 h. Sur la estrado sidis nia Majstro, S-roj Schneeberger (Sviso), de Beaufront) Franco), Mybs (Germano); Mudie kaj Cunningham (Anglo), de Saussure (Sviso), k t. p. La ĉeestantoj estis tre multaj. La raporto de la konstanta komitato estis legita kaj aprobita. S-ro Chavet (Franco) legas la raporton de la Centra Oficejo elmontrante la grandegan disvastiĝon de nia afero tra la mondo jam de la lasta kongreso. S-ro Capé, redaktoro de « Tra la Mondo » legas raporton pri la movado inter la militistoj. Tiu movado kreskas rapide en multaj landoj. S-ro Artigues (Franco) poste raportas pri la movado inter la Ruĝ-Kruculoj. S-ro Deshays aludas pri la specialaj movadoj de Esperanto ĉe la socialistoj kaj kunhelpadaj societoj. P-ro Green (Ameriko) konigas la grandajn progresojn efektivigitajn de Esperanto en sia lando. La kunveno decidas sendi telegramon al Reĝo de Belgujo por danki pri ĉeesto de oficiala delegito el lia lando.

Dum la postagmezo okazis diversaj specialistaj kunvenoj; niaj legantoj trovos pli malsupre raporteton pri la ĉefaj el ili kaj ni pli malfrue kredeble pli longe raportos pri tiu ĉefgrava temo. La vespero estis okupita de festo en la Teatro. Multenombra publiko. Oni aplaŭdis aktantojn el diversaj landoj kaj aparte la amuzan komedion « Boks kaj koks », tradukitan de S-ro Stewart kaj aktitan de Britaj samideanoj. Tiel finiĝas la unua kongresa tago, ĝoja kaj ankaŭ labora tago.

### Merkredon

En la ĝenerala kunveno, oni interalie priparolis la demandon pri tutmonda Esperantista festo. S-ro Simon (Aŭstro) enkondukas la demandon kaj aludas la fakton ke preskaŭ ĉiuj Esperantistoj festis la jubileon. S-ro Moch (Franco) parolas nefavore al la propono. — S-ro Capé (Franco) subtenas ĝin vigle. D-ro Zamenhof deklaras, ke li principe estas favora al tia festo. Per granda plimulto, la Kongreso akceptas la principon de jara festo; la taŭgan tagon elektos venonta kunveno.

Posttagmeze, D-ro Zamenhof kaj la kongresanoj ĉeestis la militan Turniron. Vespere, okazis en la teatro sukcesa festo. Estis aplaŭditaj, interaliaj, blinduloj el Ameriko, F-ino Zablon d'Her, S-ino Yunck, S-ro Cart en ĉarma meditinda historieto, S-ro Doré, monologisto kaj Derveaux en amuza kanto. S-ino de Menil faris lumprojekcian paroladon pri la infanaj kolonioj.

Poste oni ludis la teatraĵon *Darwell kontraŭ Pickwick*, kiu ricevis sukceson. La roloj estis majstre luditaj de S-roj Pollen, Mudie, Cunningham, Privat, Beauchemin, Kühnl, k. t. p.

### Ĵaŭdon

La ĉefa demando estas la loko de la 4a Kongreso S-ro Harvey (Usono) invitas la 4an Kongreson en Ameriko, kie bonega akcepto estus preparita (Aplaŭdoj). — S-ro Mybs, prez. de la Germana Societo, anoncas, ke la dirita societo decidis inviti la 4an en Germanujo (longa aplaŭdado). — Estas decidite, ke la demando estos resendata ĝis sekvanta kunveno, sed ke Kongreso nepre okazos en 1908. — Pri la tago de l'Esperantista festo parolis S-ro Privat (Sviso), D-ro Zamenhof, S-ro Simon. Fine, oni decidas, ke D-ro Zamenhof, post serĉado, proponos al la gazetaro la taŭgan daton. — S-ro Th. Cart (Franco) parolas pri la blinduloj ĉeestantaj la kongreson — S-ro Ketterer (blinda Sviso) dankas ĉiujn blind-helpantojn. — Parolas pri diversaj temoj, S-roj Marechal (Anglo), Bein (Polo), Milson (Anglo), Allende (Bilbao), k. t. p.

Tagmeze, okazis specialaj kunvenoj kaj la festo de la Policaj Sportoj. D-ro Zamenhof prezentis konstantan pokalon al la policano, kiu plej bone plenumis ruĝkrucajn devojn dum la jaro. Por la vespero, la programo antaŭvidis lumigitan feston, kiu pro pluvo ne povis okazi. Ĝi estis anstataŭata de neoficiala babilado; por kembriĝanoj, angla parolado estis farita.

### Vendredon

Kvara ĝenerala kunveno. Estas decidite post aklamado, ke la venonta kongreso estos en Germanujo. La urbo estos elektata de la Germana Societo. — S-ro G. Moch opinias, ke estas bone, se post la kongreso en Germanujo okazus dua kongreso en Ameriko, ĉe kiu estus eŭropaj delegitoj kaj la reprezentantoj de la amerikaj nacioj. — S-ro Allende (Hispano) proponas, ke en la venonta kongreso ĉiu surportu signon montrantan la naciecon. S-ro Mudie respondas. Sufiĉas, se oni povas distingi nur la anojn de la akceptanta nacio. – S-ro kolonelo Pollen, meze de longa aplaŭdado, anoncas ke generalo lord Roberts aniĝis al la Brita Esperantista Asocio.

S-ro Boirac, prezidanto de la L. K., legas raporton pri la agado de la Lingva komitato dum la lasta jaro. Interalie, li sciigas, ke la korektitaj tradukoj de la Universala Vortaro estis faritaj; aliparte, S-ro Huet estis delegita por tabeligi la vortojn aldonotajn al la Universala Vortaro kaj jam ofte uzitajn en nia literaturo. La L. K. malkonsilis la uzon de la sintezaj formoj (amantas amitus, k. t. p.). — Aplaŭdoj. Poste parolas pri diversaj temoj S-ro Bousquet (Roanne), Lambert (London), Witteryck (Bruges). – S-ro Schneeberger (Sviso), anoncas, ke fondiĝis internacia Societo de la Esperantistinoj. S-ro Bendix (Dano) raportas pri fondo de Muzika Societo, sub prezido de S-ro de Menil. — S-ino Junck legas leteron de D-ro Leono Zamenhof, kiu proponas kreon de konstanta esperantista aktoraro. — S-ro Whitaker (Anglo) anoncas, ke, en speciala kunveno oni decidis elekti Esperantovilaĝon proksime de la venonta kongresurbo.

En la posttagmezo okazis tre kora akcepto de la provincestro kaj vicgrafino Clifden en belega parko. Muzikistaro ludis kaj ĉiuj kongresanoj estis invititaj al afabla manĝo. La urbestro kun siaj helpantoj ĉeestis.

Vespere la nacivesta balo havis grandegan sukceson. Multaj belaj kaj originalaj kostumoj estis rimarkeblaj kaj la plej granda ĝojo reĝis dum la tuta nokto. Tiu kunveno certe ne estis unu el la malplej agrablaj momentoj de tiu kongreso, tamen tiel plena de ĝojaĵoj.

### Sabaton

La lasta ferma kunveno okazis matene en Guildhall. S-ro Deshays (Franco) proponas, ke oni elektu kiel oficialan himnon la *Espero* (muziko de Menil). S-ro Bourlet proponas, ke oni oficialigu aliajn himnojn, k. e. la *Vojo*. La demando estas resendata. S-ro Prof. Mayor, en Kembriĝa Universitato, respektinda maljunulo, faras en Esperanto gravan atestan paroladon, kiu elvokas grandegan entuziasmon.

«Honorinda majstro. Kiel diras poeto Herder: Neu und freier wird das Herz durch besiegte Leiden». Mi vidis miraklon, miraklon de Jeriko. La muroj de malfido. de reciproka nescio falis, dissaltis sub la forta voko de nia Josueo, de niaj Israelidoj. Vivu do la nova lando Esperantujo! Vivu la tuta Esperantistaro! (aplaŭdegoj.)

S-ro R. de Saussure (Sviso) prezentas la raporton pri la Scienca Asocio kaj legas la novan estraron de la asocio, kiu inter gravaj nomoj kalkulas la nomon de l'fama angla fizikisto J.-J. Thomson. La kongreso poste voĉdonas per grandega plimulto deziron akceptitan de la Scienca Asocio pri la internacia helpa mono. (Vidu poste). Ĝi ankaŭ akceptas la deziron prezentitan de la konsuloj, Oficoj, k. t. p. nome, ke la Esperantistoj *uzu* tiujn jam ekzistantajn organizaĵojn ».

D-ro Zamenhof dankas kaj gratulas tutkore la organizintojn de la kongreso pro la sukcesego ricevita. S-ro Pollen respondas kaj la tuta kongresanaro ĥore kantas entuziasme la *Espero*. La kongreso estas oficiale fermita.

Posttagmeze okazas sub la prezido de D-ro Zamenhof la festo organizita de *La Revuo* por la disdono de l'premioj de ĝia konkurso. S-ino de Menil, S-ro Pujulja, F-ino Fierlinger, S-ro Bendix, k. a. estis aplaŭditaj en diversaj deklamoj aŭ muzikaĵoj. Post parolo de S-ro D-ro Zamenhof kaj Boirac, la premioj estis disdonitaj. Jen la rezultatoj: 1a premio: S-ro R. Artigues (Versailles); 2a S-ro Vincente Inglada (Hispanujo); 3a S-ro H. Hodler (Sviso). La premiitaj laboroj aperis en kongresa no de *La Revuo*.

### En Londono

La oficiala kongreso estas fermita, sed en Londono dua neoficiala estas organizita. Dimanĉon kaj la sekvantajn tagojn, la kongresanoj vizitis en bonaj kondiĉoj la diversajn vidindaĵojn de l'urbo. La vesperoj estis speciale rezervitaj por festoj.

Lundon okazis festeno ĉe la Poliglota klubo. Granda entuziasmo. Paroladis kaj deklamis diversaj anglaj kaj fremdaj samideanoj.

Mardon, la plej grava postkongresa festo okazis en la konata oficiala Londona halo *Guildhall*. La vicurbestro de Londono ĉeestis. La vasta kaj imponanta ĉambrego estis tute plena. Komence, la vicurbestro salutis la kongresanojn kaj esprimis la esperon, ke Esperanto faciligos la homan progreson kaj fratecon. D-ro Zamenhof respondis en belega kaj altpensa parolado, kiu elvokis profundas impreson. Li kontraŭstaris al tiu ideo, ke Esperanto disbatas la patriotismon kaj starigis la diferencon inter patriotismo kaj ŝovinismo.

Poste oni aŭdis kantojn de afablaj Londonaj samideaninoj, En la dua parto, aktoraro el 11 nacioj ludis pecon el « *Si kliniĝas por venki* », la konata komedio de Goldsmith. La ludado estis bonege farita kaj oni povis konvinkiĝi pri la sama elparolado de la ludantoj. Niajn gratulojn al la sindonaj organizintoj pro tiu sukceso. Parolis ankoraŭ S-roj Ellis, Michaux, Privat, Pollen, k. a.; kelkaj parolis angle por la neesperantigita publiko, sur kiun tiu kunvenego faris gravan impreson.

Fine, merkredon, nova balo kaj babilado en Holborn-restaurant. Multe da ĝojo kaj vigleco. Post tiu festo la kongresanoj reveturis ĉu hejmen, ĉu al la ekskursoj organizitaj de la Trio en kimrujo kaj Skotujo.

## La Specialistaj Kunvenoj

Dum la Kongreso okazis tre multaj specialaj kunvenoj. Ni poste parolos pli detale pri ili, ĉar kelkaj estis tre gravaj. Ni tie ĉi nur citos la ĉefajn el li kun mallongaj informoj.

### Scienca Asocio.

Tiu ĉi grava societo havis tri kunvenojn en Universitata ĉambro; D-ro Zamenhof ĉeestis. La nova regularo estis akceptita unuanime kaj la Asocio oficiale fondita. S-ro de Saussure raportis pri la scienca oficejo en Genevo. La komitato konsistos el la jenaj anoj: Prez, S-ro Schmidt (Germano); Vic-prez, P-rs S. S, Thomson (Anglo), R. Benoit (Franco); ĝenerala sekretario, R. de Saussure (Sviso), help-sekretarioj, C. Bourlet (Franco) W. Schmurlo (Ruso); anoj, G. lo Sebert (Franco); Dro Huntington (Usons), Dro Villareal (Peruo); P-ro R. Codorniu (Hispano); H, Pellat (Franco); P-ro Meazzini (Italo); D-ro Bein (Polo); D-ro Aars (Norvego); Fournier d'Albe (Irlando).

En mezo de kunveno, S-ro Fournier d'Albe anoncis la gravan aliĝon de S-ro J. J. Thomson, la fama angla fizikisto. Li estis elektita vicprezidanto de la Scienca Asocio. La Scienca Asocio poste akceptis la jenan deziron elmetitan de S-ro de Saussure kaj prezentatan al la kongreso. « La anoj de la Scienca Asocio, kunvenintaj en kembriĝo la 15an de Aŭguotro 1907, opinias, ke la uzo de sistemo de helpa mono estus tre utila kaj ili esprimas la deziron ke ĉiuj Esperantistoj provu tian uzon. » Ni raportos en speciala artikolo pri la gravaj faritaĵoj de tiu Asocio, kiu fariĝis unu el la plej fortikaj fundamentoj de Esperantismo.

### Esperanto, Oficoj, Konsuloj

Tiu kunveno estis organizite de ESPERANTO-JURNALO. Dufoje la Esp-Oficoj, konsuloj, k.t.p. kunvenis en la Botanikejo. S-ro H. Hodler prezidis. S-ro Th. Rousseau faris plenan raporton pri la organizo de la Esperanto-Oficoj, la servoj fareblaj de ili, la jam ekzistantaj kaj elprovitaj organizaĵoj. — S-ro Michaux favore apogis la ideon de la Esperanto Oficoj. — S-ro G. Moch, sekr. de la Centra Oficejo faris kelkajn detalajn rimarkojn. — En dua kunveno, S-ro S. Meyer legis la raporton pri la enketo, kiun li faris koncernante la organizon de la konsuloj. Post interdisputo, la kunveno decidis unuanime prezenti al la kongreso la deziron, poste akceptitan de la kongreso. Tiu kunveno do liveris bonajn rezultatojn kaj permesas al ni serioze labori en tiu ĉi kampo. La raportojn de S-roj Rousseau kaj, Meyer oni povos legi en la aperonta broŝureto.

### La rezultatoj

La tria Kongeso estis vera sukceso kaj pruvis ree la kreskantan vivon de nia afero; ĝi estis granda manifestado kaj fakta argumento. De ĝi rezultos granda movado en Britujo kaj en aliaj landoj. Eĉ registaroj (k. c. Belgujo) ekatentas nian movadon. La decidoj faritaj pri la helpa mono, la Esp. festotago estas gravaj. Aliparte, la specialaj organizaĵojn organiziĝis kaj preparis gravan taskon por la estonteco, speciale la Scienca Asocio, la konsuloj, k. t. p. Unuvorte, nia Kongreso ja donis al Esperantismo fortan antaŭenpuŝon.